XXXIV-a Jaro — N-ro 465 (11) — 15/30 Junio 1938



# ESPERANTO

Internacia Gazeto duonmonata de Universala Esperanto - Asocio

# Humaneco aŭ neŭtraleco?

**Helpo al viktimoj — Neŭtraleco = iluzio**
**Precizigo de nia agado — La nuna stato**

## Helpo al viktimoj

En lastaj numeroj de nia gazeto ni informis pri la malfeliĉo, trafinta aron da *homoj* (ni rimarku : *homoj*) en Aŭstrio. Inter ili ankaŭ samideanoj, kiuj dum multaj jaroj dediĉis sin al nia afero kun sindono kaj sen danko. Ĉu ni fermu la okulojn antaŭ evidenta malfeliĉo, ĉu ni lasu niajn amikojn eĉ sen la (senkosta) signo de simpatio? Ni lasas la respondon al la legantoj!

Esprimi sian simpation ja estas malkara. Ni devas *helpi*. Kaj per konkreta ago. El tiu ĉi vidpunkto, ni organizis servon kun la celo helpi al tiuj samideanoj, kiuj, estas devigataj forlasi sian hejmon kaj serĉi rifuĝon en fremdlando.

## Neŭtraleco = iluzio

Ekzistas homoj nature blindaj, tamen kapablaj vidi pli klare ol vidantoj. Kaj ekzistas vidantoj, kiuj blinde preterpasas okazajojn, nenion komprenante. Ni legas el letero, skribita de bone konata aŭstria samideano (ni aldonu : en sekura pozicio, de aria deveno, sekve nenion riskante) la jenon :

> *Pro Esperanto neniu estas malliberigita. Vi povas tion publikigi por ke la tuta Esperanto-Movado eksciu tion kaj por ke neniu faru malsaĝajn paŝojn kaj nek monkolektojn nek aliajn aferojn, kiuj nepre malhelpus al Esperanto en nia regno. Vi tuj, nepre tuj neebligu ĉiujn paŝojn.*

Tio estas ekstrakto el letero adresita al ĉefo de nia movado. Oni devas tuŝi sian kapon por demandi sin, kie do loĝas tiu ĉi estiminda « ankaŭ-samideano » por skribi tion. Ni mallonge atentigas :

1. Nenialoke oni diris, ke nur pro E iu estas aŭ estis arestita. Sendube la registaro en la koncerna lando konsideras nin ĉiujn kiel mondfremdajn sendanĝerulojn kaj lingvo-maniulojn, sekve lasas nin trankvilaj.

2. *Malsaĝa paŝo estas do la helpo al viktimoj.* Ni deziru al la « ankaŭ samideano » ke neniam, neniam li estu devigata almozpeti, humile stari antaŭ pordo por ricevi eĉ nur trimonatan restadpermeson en alia lando.

3. *Malhelpi al Esperanto en nia regno.*

O sancta simplicitas! Ĉu ne malaperis la Germana Asocio, ĉu ne foriris al eksterlando esp. entreprenoj, iam florintaj en Germanujo? Ŝajne la skribinto dormis dum la jaroj 1933-1938. Ĉu ekzistas ankoraŭ iu grupo, iu societo esperantista en estinta Aŭstrio? Ĉu estas eble *agadi* en plej « neŭtrala » formo por Esperanto? Ĉu oni povas porti nian insignon?

La fakto estas, ke lingvo kiel movado estas praktike malpermesataj. Se necese, ni indikas la pruvojn nigre sur blanke. Kaj la centprocenta neŭtraleco de tielnomataj Naciaj Societoj ne havas sencon nek logikon en tiu kazo.

Kaj nur spiritaj blinduloj nenion rimarkas, naive opinias, ke ŝanĝante la kanton de L'ESPERO en tiun de « Germanujo super ĉio », ĉio estas en ordo. La ekzemplo de Kolonjo 1933 kaj de la sekvintaj jaroj, ŝajne ne estis rimarkitaj de nia bona « ankaŭ-samideano ».

## Precizigo de nia agado

Nia agado helpi al ekzilitaj samideanoj, restas en la limo de la leĝoj aŭ dekretoj de la koncernaj ŝtatoj. Neniel ni volas imiti la ranon en la fabelo de Lafontaine, rilate je la tutpotenca registaro de certa regno. Sed neniu malhelpos nin, fari tion en liberaj landoj, kion diktas sento de humaneco.

Konkrete : Nia agado celas helpi al ekzilitoj el niaj vicoj, trovi rifuĝejon aŭ ebligi al ili la necesajn paŝojn. Nia servo kontaktiĝas kun similaj institucioj, oficialaj kaj privataj. Jen ĉio.

## La nuna stato

Jam antaŭe ni povis, se ne helpi entute almenaŭ efike konsili al amikoj en tia senespera situacio. Kaj por helpi efektive ni informis fidindajn esperantistojn en la liberaj landoj, subteni tiun ĉi agadon. Ni diru, ke la respondoj estas ĝojigaj. Ni precizigu, ke la kolektita mono iros sen administraj deprenoj al la celo montrita, la tuta laboro precipe la korespondado, estas libervole farata de svisaj samideanoj. Kaj eblajn elspezojn ili pagos mem. Ni publikigas nun sinsekve demandojn pri apartaj kazoj. Kaj ni petas niajn samideanojn diskonigi la helpo-petojn, serĉi eblecon de subteno. Pri la petantoj, la *Help-servo de UEA* informos laŭ demando. Nomojn ni ne publikigos pro bona kaŭzo.

Kaj denove :

Vivu la solidareco esperantista.

H: J:

# Esperantista — Libertempo

## Brunnen, Svislando


La Ponto de l'Diablo

**PROGRAMO**

31. *Julio, Dimanĉo:*

Akcepto de la gastoj en Brunnen; Interkonatiĝa vespero en Kursaal.

1. *Aŭgusto, Lundo :*

Svisa nacia solenotago.

2. *Aŭgusto, Mardo :*

Posttagmeza ŝipekskurso al Tellskapelle, Flüelen, Rütli, Schillerstein Treib, Brunnen.

3. *Aŭgusto, Merkredo :*

Tuttaga ekskurso al Arth-Goldau, Rigi, Vitznau, Brunnen. Tagmanĝo sur la Rigi.

4. *Aŭgusto, Jaŭdo :*

Posttagmeza vizito al Schwyz, (Bundesbriefarchiv, Arkivejo de l'Ligo-deklaro) kaj al la monaĥinejo Ingenbohl.

5. *Aŭgusto, Vendredo :*

Tuttaga ŝipekskurso sur la lago de la kvar kantonoj ĝis Lucerno. Tagmanĝo en Lucerno.

6. *Aŭgusto, Sabato :*

Adiaŭa vespero en Kursaal.

7. *Aŭgusto, Dimanĉo :*

Hejmenveturo.

# Esperantista Interhelpo

Per la nuna rubriko ni alvokas la samideanojn en landoj akceptantaj *ne-politikajn* rifuĝintojn aŭ ekzilitojn. Pro bona motivo ni ne konigas nomojn tie-ĉi. Samideanoj povantaj *helpi, interveni, konsili* sin turnu al Esperantista Interhelpo, Palais Wilson, Genève.

*Peto 1*

Eks-aŭstriano, 46-jara, aktive laborinta por la movado, serĉas rifuĝon en transmara lando, Aŭstralio, Novzelando, Ameriko. Perdis oficon pro rasa kaŭzo; ricevas regulajn paperojn, ĉar politike ne suspektita. Konstru-inĝeniero. Laboris en gravaj firmoj plej diversaj, disponas je brilaj atestoj. Dum 9 jaroj ŝtata oficisto ; studis juron ; bona organizanto kaj energia. Akceptas kion ajn, estas sana, energia, senfamilia. Bona karaktero.

*Peto 2*

Hungara ŝtatanino kun knabo, parolanta krom E-on la germanan, sperta mastrumantino serĉas rifuĝon en lando ne rifuzanta viktimojn de nuna maltoleremo. Juna, sana, laborema kaj modesta. Posedas regulajn dokumentojn de origino, pasporton k. t. p. Politike ne-ŝarĝita kaj ne-suspektita.

*Peto 3*

Samideano en Vieno, devigata forlasi la landon kaj posedanta ĉion necesan, (permeson instaliĝi en transmara lando, pasporton k.t.p.) devas deponi kiel garantion la sumon de 720 Dolarojn. La duonon li jam kolektis. Mankas do 320 dolaroj. Li petas, ke oni pruntu al li tiun ĉi sumon, pageblan en Nederlando de kie li forveturos perŝipe. Repago poparte kun rentumo. — Informojn donas la Helpservo de UEA, al kiu la petinto estas bone konata.

# Islando

Dank'al la aranĝo de la islanda ĉefministro Sro Hermann Jonasson, nia bulgara samideano Ivan H. Krestanov sukcesis, post restarigo de la Esp. Societo en Rejkjavik, ĉirkaŭveturi per la ŝtata ŝipo « Esja » la tutan insulegon. Li haltis en multaj havenurboj, paroladis kaj propagandis, revarmigante malnovajn kaj akirante novajn pionirojn al la Zamenhofaj idealoj.

En la nordokcidenta urbeto ISAFJORDO (Glacia fjordo, 2600 loĝ.) la 30. Majo « vespere » (en citiloj, ĉar tie ĉi nun estas hele dum 24 horoj kiel tage) okazis esp. kunveno, kie post unuhora alparolo de s-ano Krestanov, la Esp. Societo estis restarigita sub la nomo « NORDA STELO » kun jena estraro :

Prez. Helgi Hannesson, instruisto,

sekr. Gudmundur J. frá Mosdal, instruisto,

kasisto : Oskar Jensen, tipografo,

bibliotekistino : Halldóra Danivaldsdóttis

konsilanto : Hannibal Valdimarsson, redaktoro.

kiu enkondukis jam en 1936 « Esp. kolonon ». Je la II-a « vespere » finiĝis tiu memorinda kunveno kun komuna fotografado, kaj la sekvintajn tagojn Sro Krestanov, laŭ invito de la ĉefpastro Sigurdson paroladis germane en la preĝejo antaŭ 68 gekonfirmantoj, kaj poste en la Bontemplana salono esperante antaŭ pli ol 100 p. pri Bulgarujo kun lumbildoj, trad. Sro instr. Hanesson.

Ankaŭ en la ŝipo « Gudafoss » nia bulgara samideano propagandis, kaj nun per aŭtoj kaj ĉevaloj li vizitas la internon de la fajro-glacia insulo, esperante restarigi la esp. societojn ankaŭ en AKUREYRI (la dua islanda urbo, 4500 loĝ) kaj aliloke.

Granda intereso ĉie. Multaj aliĝis al UEA.

Universala Esperanto - Asocio
Centra Oficejo : Palais Wilson, Genève, Svislando

# ◆ El scienco kaj tekniko ◆

## Instalaĵoj

**permesantaj krei en koncernaj urbaj institutoj kuracajn kondiĉojn, similigitajn al la kondiĉoj en la montaj altaĵoj.**

**De Ignaco Mościcki**

**Referaĵo, prelegita dum konferenco, okazinta en la Reĝa Kastelo en Varsovio la 26-an de Januaro 1934. La konferencon partoprenis, laŭ invito de la Prezidanto de l'Pola Respubliko, reprezentantoj del'medicina kaj fizika sciencoj.**

**Kun permeso de l' aŭtoro tradukis Edwardo Wisenfeld, L. K.**



II.

Kontraŭe, — mi konstatis ankoraŭ en mia laborejo en Lvovo[1], ke ozono en iom pli granda koncentraĵo influas je la organismo malutile. Mi tiam faradis eksperimentojn kun silentaj elektraj malŝargoj en originale granda skalo kaj en la eksperimenta salono malgraŭ forta ventolado per konvene grandaj instalaĵoj oni sentis la klaran odoron de ozono. Post tago da laboro en tia atmosfero same mi mem, kiel ankaŭ ĉiuj miaj kvar asistantoj, malsaniĝis je suferiga kapdoloro kaj simptomoj de veneniĝo.

Malgraŭ tia sperto mi decidis nun provi sur mi mem la influon de ozono en malgrandaj koncentraĵoj. Sed la rezultatoj ne estis principe pli bonaj. Pozitive mi ne povis rimarki eĉ en plej malalta grado la sanigan rolon de l'ozono, kontraŭe mi povis konstati ke se la estado en spaco kun konstanta trafluo de pura aero faris agrablan impreson de freŝeco, do en la atmosfero kun aldonita ozono aperis certa laceco nerva.

Ekde tiu tempo konstatiĝis ĉe mi la forta impreso, ke ozono, kiel kuracilo estas faktoro tute negativa.

En la vastaj medioj de l'societo regas tamen opinio kontraŭa. Ĝuste antaŭ nelonge mi ricevis hazarde aparateton, kiu devas servi por « refreŝigi la aeron en la ĉambro », kaj kiu servas por nenio alia ol por produkti ozonon.

Sendepende de sia belforma strukturo, tiu ĉi aparateto — kiun mi poste montros — influas je la sano speciale malutile. La formiĝo de l'ozono ĉi kaze efektiviĝas helpe de granda nombro da fajreroj de pli alta tensio elektra. Kaj estas ja ĝenerale konate (kaj al mi pro mia multjara laborado je tiuj temoj, tute precize) ke ĉiuj elektraj malŝargoj, eĉ la t.n. silentaj malŝargoj — produktas samtempe kun la ozono ankaŭ relative grandan kvanton da nitrosilo.

Kaj la veneniĝado per nitrosiloj (nitrogenaj oksidaĵoj) estas karakteriza per tio, ke ĉi aperaĵo estas « adicia », sumiĝanta; tio signifas, ke la influo de nitrosiloj eĉ en plej malgrandaj koncentraĵoj laŭgrade sumiĝas kaj kompletiĝas, ĝis fine kaŭzas treege malutilajn veneniĝojn.

Tiel do ankaŭ ĉi tiu aparateto, kiu — miaopinie — produktas almenaŭ sencele ozonon, kreas samtempe en la atmosfero de la ĉambro certajn kvantojn da nitrosilo kaj tiamaniere finrezulte ne subtenas, sed detruas la sanon de l'homoj.

Post klarigo al si kaj konstato de la indiferenta, kaj eble eĉ negativa rolo de l'ozono en la atmosfero venis la vico por okupiĝi pri la rolo de l'tralumigado de l'aero. Jam tiam mi estis konvinkita, ke tio ĉi estas la plej grava faktoro de l'eksperimentataj esploroj, ke la kuraca influo de pura, jonigita aero estas grava.

De sinjoro D-ro L. Wasilewski, mia eks-asistanto kaj nuna docento de la varsovia politekniko kaj unu el la ĉeflaborantoj en la Ĥemia Esplor-instituto en Varsovio, kiu je mia deziro partoprenis en la nun priparolataj esploroj mi ekscii pri nova elektra lampo de l'firmo « Osram », nomata « Solarka ». Tiu ĉi lampo — simile al kutima lampo — enhavas volframan fadenon. Krome tamen ĉi tiu lampo posedas elektrodojn, inter kiuj formiĝas elektra arko en atmosfero de hidrarga vaporo. Tiucele la vitra lamp-ampolo posedas absolutan gas-malplenaĵon: pli granda guto hidrarga, troviĝanta interne de la lampo — precipe post la varmigo de l'interno per ardanta volframo — plenigas la ampolon per sia vaporo. En tiaj kondiĉoj la elektra arko ellasas grandan nombron da ultraviolaj radioj, simile al tio, kiel okazas en simplaj kvarc-lampoj, nur kun tiu diferenco ke la spektro de l'mallongaj ondoj estas iom pli mallonga ol tiu de kvarclampo. Evidente parto da pli mallongaj ondoj estas pli forte absorbata de tiu speciala vitro, ol de la kvarclampa kvarco.

[1] Lvolo — pole Lwow, elparolata Lvuv. E.W.

Tian ĝuste lampon oni komence lokigis en la kabineto, servinta por la priparolataj eksperimentadoj. Tiu ĉi lampo estis fiksita senpere sub la plafono kun reflektilo, direktita sur la skrib-tablon, ĉe kiu mi laboras.

La kondiĉoj tamen de tiu ĉi eksperimento estis tre malbonaj. La persono, kiu laboris ĉe tiu tablo estis submetita je l'varmego de l'longaj lum-ondoj; la ultraviolaj radioj atakadis samtempe la tutan nudan haŭton de l'kapo kaj nuko. La surfaco de l'skribotablo estis lumigata per intensa, blindiganta la okulojn lumo. En tiu situacio devis kaj la okuloj kaj la haŭto esti ŝirmataj speciale maniere, kio siaflanke malebligadis labori.

Estis do necese trovi alian, malpli embarasigan kaj pli praktikan solvon.

Tiam mi venis al la konkludo, ke tia solvo estus ebla, se oni dispersigus la ellason de l'mallong-ondoj de la lampo sur la tutan ĉambron, per kio foriĝus la neceseco de iaj ajn specialaj ŝirmadoj por la kapo kaj okuloj de l'personoj estantaj en la ĉambro.

La plenumo de tiu ideo estis realigita jenmaniere: la fonto de l'ellasoj de mallongaj ondoj estis direktita per konvena reflektilo sur grandan metalan ekranon, speciale preparitan por elvoki reflektiĝojn de ultra-violaj forte dispersigitaj radioj. Restis nur trovi tian metalon, kiu ne reagus je atmosferaj influoj, kiel oksidiĝo k.s., kaj kiu krom tio dum la reflektado de l'ultra-violaj radioj absorbadus tiujn minimume.

Tiujn ĉi esplorojn kaj vicon da elmezuradoj de diversaj metaloj plenumis D-ro Wasilewski kunlabore de Inĝ. Z. Zaleski kaj konstatiĝis, ke por la priparolata celo pleje konvena metalo estas ĥromo (Cr.)[1].

La kvalitoj de ĥroma ŝtalo estas al ĉiuj konataj; ĝia rezistemo je atmosferaj influoj kaj ĥemiaj faktoroj (kiel ekz. rezistemo je influoj de fruktaj acidoj) kaŭzis, ke oni vaste aplikas la ĥroman ŝtalon por fabrikado de tranĉiloj, speguletoj k.t.p. Pura ĥromo posedas tiujn bonkvalitojn ankoraŭ pli altgrade. Krome estis pruvite ke ĝuste la surfaco de ĥromo absorbas relative nerimarkeblajn kvantojn da ultra-violaj radioj.

Tiel do la ekrano por la priparolata celo estis preparita el maldikaj platoj lâtunaj, kies surfaco — post dispizigo — estis elektrolize kovrita per ĥromo. Kaj la reflektilo, servanta por direkti la mallongajn ondojn sur la ekranon, estis preparita el latuna lado, havanta spegulan kaj ĥromigitan surfacon. Fine kiel fonto de ultra-violaj radioj servis simpla kvarc-lampo.

Tiel do estis kreita aparataro, sufiĉe simpla, lumiganta per ultra-violaj radioj la tutan atmosferon de l'salono en maniero pera kaj tre dispersigita.

Efektive, tiu dispersigita lumo montriĝis tiel subtila, ke la brulumado de l'vizaĝ-haŭto okazadis malrapide, ne elvokante iajn negativajn aŭ eĉ suferigajn sekvojn, kaj ĉiuj laboroj en tiu ĉi salono povis nun okazadi normale t.e. sen la bezono apliki iajn ajn ŝirm-kovraĵojn.

Tamen baldaŭ aperis ankoraŭ unu komplikaĵo, kiu postulis kontraŭ-agon, nome la produktiĝado de sufiĉe granda kvanto da ozono en la kvarc-lampo. Eĉ la antaŭe priparolita freŝigo de la atmosfero helpe de konstanta enkonduko de pura aero, en kvanto de ĉirkaŭ 500 $m^3$ dum horo, ne povis sufiĉe disdensigi la koncentraĵon de la formiĝanta tie ozono. Sed post nelonge troviĝis bona, ĉar simpla, senkomplika solvo.

Evidentiĝis nome, ke sufiĉas konstanta elpumpado de l'aero, ĉirkaŭanta senpere la facetojn de la kvarc-lampo, pere de enspirilo (Exhaustor). Tiel do ankaŭ ĉe la nuna cirkonstanco pruviĝis eksperimente la supozo pri la loko de l'kreiĝo de l'ozono dum la agado de kvarc-lampo. Senpere sur la eksteraj facetoj de l'kvarco ekzistas evidente specialaj kondiĉoj por ozon-formiĝo; unuflanke ni havas aferon ĉi tie kun pli alta energio de l'radioj, kaj aliflanke sur la eksteraj facetoj de l'kvarco, konsekvence ne absorb-ekzisto la oksigeno de l'aero troviĝas en certa plidenseco, ĝuste tiel, kvazaŭ ĝi estus sub pli granda premo.

Kaj mi havas la impreson, ke oni povus ankaŭ alirimede forigi la priparolatan malfacilaĵon, ligitan kun la formiĝo de ozono, kaj nome ekzemple per kovro de l'ekstera faceto de l'kvarco per tre maldika tavolo de konvena substanco, absorbanta malgrandgrade la ultra-violajn radiojn. Simile ankaŭ la hidrargaj lampoj, fabrikataj el speciala vitro, kvankam tralasas eksteren mallongajn ondojn, tamen ne kapablas jam produkti ozonon.

Tiel do rapide estis forigita la lasta komplikaĵo kaj nun la tuta instalaĵo funkciis senriproĉe kaj tute konforme al la antaŭplanita celo.

La rezultatoj de miaj eksperimentoj montriĝis ĉiurilate pozitivaj, kaj donante en la urbo, t.e. en la loko de l'tuttaga laboro kaj de multnombraj konferencoj kvazaŭ reprodukton de natura, montara aero kun ĉiuj, delonge konataj sanigaj aktivoj postulis nenian ĝenon aŭ limigon de homaj funkcioj.

Printempe do en la jaro 1933 mi konsideris miajn eksperimentojn, tute por fizikisto finitaj kaj opiniis ke la eksperiment-daŭrigo apartenas al la kuracista mondo, kiu sola povas konstati la valoron de tiu kuracilo por homoj laborantaj intense, aŭ devigataj restadi ekskluzive en kondiĉoj urbaj.

[1] Por eviti miskomprenojn mi permesas al mi uzi la formon Ĥromo anst. Kromo. Precipe tiu neceseco evidentiĝas en la plua teksto. - E. W.

En tiu ĝuste tempo mi ricevis de l'kolonelo D-ro Drac jurnalistajn materialojn, koncernantajn eksperimentojn, faratajn en Germanujo kun unusignaj jonoj. Mi opinias ke estos konvene, se je la fino de mia mallonga ĉi referaĵo mi prezentos iom da informoj pri aliaj laboroj sur la sama kampo, kvankam traktataj tute alie kaj de iom alia vidpunkto.

Do jen krom la tre riĉan literaturon en germana lingvo, ligitan kun la priparolata temo, mi povas mencii la perfektan referaĵon de l'pola profesoro D-ro L. Korczynski, publikigitan en la Poznanja « Nowiny Lekarskie » (Medicinaj Novaĵoj) de l'1-a de septembro 1933-a s.t. « La biodinamiko de l'jonoj kaj de l'elektraj atmosferŝargoj ».

La artikolo referas en klara kaj preciza maniero kiametode diversaj kuracistoj aplikadas jonigitan aeron, tiel ke ne ekzistas bezono ripeti tiujn informojn; sed ĉeokaze mi deziras aldoni kelkajn rimarkojn ligitajn kun la antaŭe de mi priparolita temo.

La tasko de l'de mi prezentitaj esploroj konsistis en artifika rekreo de kondiĉoj, alproksimigitaj kiel plej eble al la kondiĉoj, ekzistantaj en la naturo, nome en la montaroj, kun speciala prikonsidero de tiuj karakterizaj cirkonstancoj, kiuj evidente posedas bonkvalitan, pozitivan signifon por la homa sano kaj kun zorga forigo de ĉiuj faktoroj, kiuj povus dum pli longa agado rezultigi malutilajn komplikaĵojn. Estis la celo reagi tiel trankvile kaj tiel modere, kiel tio ĝuste okazas en la naturaj kondiĉoj, en la montaroj. Dume la esploroj de l'aliuloj, pri kiuj estas parolite en la menciitaj publikaĵoj, utiligas tre radikalajn metodojn kaj agadojn, celante rezultigi preskaŭ tujan efikon.

La principa diferenco konsistas en tio, ke dum en la montara aero ni havas jonojn diversnomajn, t.e. jonojn pozitivajn (plusajn) kaj jonojn negativajn (minusajn), kaj ilia koncentraĵo en unu $cm^3$ da aero egalas al ĉirkaŭ kelkmil en la eksperimentoj de l' « Instituto por fiziko-medicinaj esploroj » en Frankfurto apud Majno estis aplikitaj jonoj unupolusaj en koncentriĝo atinganta kelkajn milionojn da negativaj (minusaj) jonoj en unu $cm^3$ de aero.

Kaj — la frankfurtaj metodoj de produktado de jonoj, baziĝas sur la elfluo de elektronoj el ardanta stangeto el pura magnezo (magnezia oksido) kaj evitas la samtempan produktiĝon de tre malutilaj kaj venenaj nitrosiloj. Sed jen du moskvaj kuracistoj: Zvonnickij kaj Obrossov referas en la « Zeitschrift für die gesamte physikalische Therapie » kaj eĉ ankoraŭ en la kajero de aprilo 1933 pri sia metodo de produktado de jonoj unu-nomaj pere de indukta maŝino. Kaj kvankam la pluaj esploroj kaj eksperimentoj faritaj sur bestoj (sur musoj) evidentigis relative forte venenajn kvalitojn de la tiele preparita atmosfero (la morto de l'muso okazis post tri horoj), tamen-bazante sin sur analizoj de ĥemiistoj, evidentigintaj ne malutile malgrandan koncentriĝon de l' nitrosilo (nome 8 mg. en 1 $m^3$ da aero), oni daŭrigis faradi tiujn eksperimentojn kun homoj.

Mi devas konfesi ke mi ne esperas efektive pozitivajn rezultatojn de aplikado de tiaj brutaj metodoj kaj eksperimentoj rilate al la homa organismo. Kiel natursciencisto mi havas la impreson, ke la eksterordinare komplikita organismo homa ne toleras tro radikalajn kuracilojn. La ekvilibreco de l'multaj faktoroj, funkciantaj en la organismo ne devas esti maltrankviligita.

Se ni havus la eblon ekkoni tute objektive, precize kaj ĉiuflanke la influon de ĉiu kuracilo — kaj tion ne nur en la momento, kiam oni ĝin aplikas, sed ankaŭ dum ĝiaj postaj konsekvencoj, — do certe la kuracistoj devus senhezite forigi grandan procenton de la tiom diversaj nuntempe aplikataj kuraciloj.

Meditante pri la publikigitaj rezultoj de l'eksperimentoj de la germanaj kuracistoj en Frankfurto oni venas nerifuteble al la konkludo ke la rolo de l'negativaj (minusaj) jonoj posedas specialan rolon kuracan, kio nun ankoraŭ ne povas esti dirata pri la pozitivaj jonoj de elektra ŝargo. Tiu ĉi fakto estas facile utilegebla ĉe mia joniga instalaĵo. Por certigi al si la plimultecon de la negativaj jonoj en la atmosfero, sufiĉas reteni konstante sur negativa potencialo metalan ekranon, dispersigantan la ultraviolajn radiojn per reflekto. Ĉar la pleja produktiĝo de jonoj okazas en la spaco inter la lum-fonto kaj la ekrano, granda parto da pozitivaj jonoj, altirata de la negative ŝargita ekrano, estos devigita sin malŝargi. Kaj la grandecon de l'plimulteco de l'negativaj jonoj oni povas tie reguligi per la alteco de l'potencialo de la negative polarizita ekrano.

Antaŭ ol mi transiros al pli detala priparolo de miaj instalaĵoj kaj aparataro, kiujn mi poste havos la eblon montri funkciantajn sur la modelo en ĉi kastelo mi devas diri, ke mia verko, se eĉ poste estos eldonanta plej bonajn rezultatojn, ne kapablos elvoki konkurencon kun niaj montaraj sanatorioj. Rekrei en la urbo la belegecon de la naturo en la montoj estas neeble, kaj jam tial nenio kapablas anstataŭi ĝian potencan influon je la spirita stato de la homo, je lia ĝojo de la vivo.

*(Daŭrigo sekvos)*

# Socio kaj Lingvo

## La cigana lingvo

Nun estas facile sekvi la vojon de la cigana migrado tra la landoj, ĉar ili el la lingvoj de ĉiuj popoloj kun kiuj ili interkontaktiĝis, prenis vortojn, konformigante ilin al la propra gramatiko kaj lango. Dum la deka jarcento ili aperis en Antaŭa Azio, kaj la vojon montras al ni kurdaj, armenaj kaj turkaj vortoj. Ĉirkaŭ dum 1300 ili venis en Greklandon, kie la vortrikolto estis precipe ampleksa. El Greklando migris parto de ĉi popolo tra Sirio, Egiptio, Norda Afriko ĝis Hispanio, pri kio atestas kelkaj arabaj vortoj. Greklando restis longtempe cigana centro, kaj el tiu lando ili dismigris okupante la tutan Balkanan duoninsulon. En 1417 ili aperis en Hungario, suda Germanio kaj Svislando kaj atingis en 1425 Italion kaj Francion; 1447 ili grandare enmigris Hispanion. Ĉie ili kondutis same strange kiel ankoraŭ, estante malpuraj, ĉifone vestitaj kaj vivtenante sin per ŝteletoj, trompoj, almozpetado, aŭgurado, muzikado, kaldronflikado k. s. Pro tio la registaroj provis seniĝi de ili, unue per leĝoj kaj malpermesoj, poste per persekutado kaj kruelaj punoj — tamen ĉio estis sensukcesa. En la komenco de la 17-a jarcento oni ekprovis civilizi kaj loksidigi ilin, unue en Anglio, Hispanio, Aŭstrio, kaj poste, ĝis la nuna tempo, en preskaŭ ĉiuj ŝtatoj, sed ĉio estis kaj estas la rezulto kvazaŭ nula. Nur en Rumanio troviĝas vere hejmohavaj — sed degeneritaj — ciganoj. Rumanio estas ja la nuntempa komencejo de preskaŭ ĉiuj ciganaj migrofluoj, kaj rumanaj, serbaj, hungaraj, polaj, rusaj, ĉeĥaj, germanaj, svedaj, francaj kaj anglaj vortoj en ilia lingvo indikas la direktojn de ilia disvastigado. La ciganoj malamas la akvon kaj la marvojaĝon al Usono, Meksikio, Brazilio, Aŭstralio ili riskas nur, ĉar tie ili vivas agrable pro la tiea libereco.

Kvankam ja la ciganoj ĉerpis vortojn el tiom multe da lingvoj, tamen la gramatiko, sintakso kaj vortfarado ne estas influitaj per tio, ĉiu fremda vorto ricevis ciganan aspekton. Kelkaj listoj al ni montru, kiel la ciganoj pruntis vortojn el aliaj lingvoj:

| *sanskrite* | | |
|---|---|---|
| anguŝtha (dikfingro) | anguŝto | fingro |
| bhâra | phâro | ŝarĝo |
| ĉa | ĝa | iru |
| kadâ | kana | kiam |
| kâŝtha | kaŝt | ligno |
| laĝg | laĝav | honti |

| *greke* | | |
|---|---|---|
| drómos | drom | vojo |
| kókkalon | kokalos | osto |
| pápia (anaso) | papin | ansero |
| págos | pâgo | glacio |
| sapûni | sapunis | sapo |
| sfýra | sviri | martelo |

| *hungare* | | |
|---|---|---|
| darázs | darâja | vespo |
| felhö | felhos | nubo |
| hegedü | hegedûva | violono |
| hegy | hedjo | monto |
| igen | igen | tre |
| macska | maĉka | kato |

| *ukraine* | | |
|---|---|---|
| búra | bura | ŝtormo |
| dúmate | dumiskêrav | pensi |
| ĥmára | ĥmura | nubo |
| jízdete | izdinav | veturi |
| kreló | kridlos | flugilo |
| ŝumíte | ŝumiskêrav | brui |

| *armene* | | |
|---|---|---|
| arĉíĉ | arĉiĉ | plumbo |
| dêdúm | dudum | kukurbo |
| ĥor | ĥor | profunda |
| koĉák | koĉak | butono |
| patvél (honori) | pativalo | kredanta |

| *latine* | | |
|---|---|---|
| cervus | servo | cervo |
| fenestra | finetra | fenestro |
| iste | isto | la sama |
| la (n) terna | laterna | lanterno |
| mons | montos | monto |
| rota | rot | rado |

| *ĉeĥe* | | |
|---|---|---|
| ĉas | ĉasos | tempo |
| krejčí | krajĉiris | tajloro |
| osel | oslos | azeno |
| piju | pijav | mi trinkas |
| popel | popelos | cindro |
| starost' | starosta | zorgo |

| *germane* | | |
|---|---|---|
| Feld | felda | kampo |
| helfen | helferav | helpi |
| Knospe | knospi | burĝono |
| Schuster | ŝustari | ŝuisto |
| Stube | ŝtuba | ĉambro |
| Wiese | viza | herbejo |

Iun skribitan literaturon ja ĉi analfabeta popolo ne povas posedi, sed riĉa estas la trezoro da fabeloj kaj kantoj, kiuj estas rakontataj aŭ kantataj kiel antaŭ jarcentoj ankoraŭ nun ĉe la bivaka fajro. Rakontojn pri herooj aŭ pri historiaj okazoj ili ne konas, ĉar mankas al ili ĉiu kompreno pri tradicio kaj ĉar ilia vigla fantazio baldaŭ faras el ĉiu travivajo fabelon. Estas du temoj, kiuj troviĝas en preskaŭ ĉiuj rakontoj: amsopiro kaj timo pro izoleco. La ciganoj estas sociemaj homoj; nur malofte oni renkontas ciganon sen akompanulo; restante soleca li fariĝas malfeliĉa kaj malsana. La ĉefa temo en la kantoj ankaŭ estas la amo. Ofte ili estas ne tre decaj, pleje sen zorga konsidero pri rimo kaj versa tempo, sed ĉion kompensas la neimiteble verva kantmaniero. Kiel ekzemplo sekvos kanto de la ĉeĥe-sudgermanaj ciganoj en pura cigana lingvo:

Kana nane romni lâĉi
Le pre late ĉupni ĉâĉi,
Joj baŝola hâr ĝuklôri,
Bâro lake hi mujôri.
Kon la vrasin ĉinela
Duj khôre mol pijela.

Se via edzino ne estas bona
prenu por ŝi taŭgan vipon;
tiam ŝi bojos kiel hundinjo
ĉar granda estas ŝia buŝinjo.
Kiu ŝian dorson batos
du kruĉojn da vino trinkos.

La situo de la ciganoj en Britio estas iom aparta, ĉar la ekde 1870 funkcianta devigo al lernejo kaŭzis pli kaj pli vastan uzon de la angla lingvo. En la sekvonta strofo el brit-cigana kanto estas nur la *kursive* presitaj vortoj de cigana deveno:

I will *chore* a *beti gry*
And so we shall *lel cappi* !
*Kekko, miro murshipen,*
For so you would be *stardo.*

Mi volas ŝteli ĉevaleton
kaj per ĝi gajni riĉaĵon !
Ne faru tion, mia ciganbubo,
ĉar pro tio vi estus kaptota.

Ankaŭ en aliaj ŝtatoj ne mankas provoj doni al ciganaj infanoj lernejan instruon kaj eĉ ciganlingvaj gazetoj aperadas en kelkaj lokoj, ekz. « Glasul Romilor » (La voĉo de la ciganoj) en Bukureŝto (Rumanio), «Románo Lil» (Cigana Libro) en Beogrado (Jugoslavio) kaj precipe en Rusio: « Nêvo Ĝiiben » (La nova Lingvo), « Nêvo Drom » (La nova Vojo), « Bûti » (Laboro) kaj « Români Zorja » (Cigana Mateno). Ja eĉ la eklezioj interesas sin pri la ciganoj kaj provas klarigi al ili la kristanismon per tradukoj de partoj el la Biblio. Tiaj tradukoj ekzistas ekz. en la dialektoj de la ciganoj en Hispanio, Bulgario kaj suda Germanio. La eble sola cigandevena verkisto Jaija Sattler tradukis 1930 la evangelion laŭ Johano: « O Vojakohiro katar o Jesuskasko Christuskasko banasgimmo ii Johannestar », kaj en 1933 aperis por la latvaj ciganoj « Evangeliben maro raskiro Jisusko Hristoskiro Joannostir čhindlo ».

Sed nur parteto de la cigana popolo povas esti leganta ĉi librojn kaj gazetojn, nur tiuj ciganoj, kiuj ĉesis la migradon kaj havas daŭran loĝlokon ĉe la rando de la urbegoj. Ili estas malestimataj de siaj nomadaj fratoj, kiuj ne rekonas ilin esti plu ciganoj. Cigano estas vagulo, primitivulo indiferenta pri la civilizo kun lernejoj, libroj, gazetoj; li nur emas al libero kaj vagado — eterne li restos cigano.

Ĉar estas jam kutimo en nia gazeto fini ĉispecajn artikolojn per cito de la biblia verso Johano 3.16, — pro la facile por ĉiu havigebla kompara teksto — ankaŭ ĉifoje sekvu tia citaĵo. La ortografio estas laŭesperanta, ankaŭ la akcento restas sur la antaŭlasta silabo. La tegmenteto super vokaloj (ê) signifas longan prononcon.

*Cigana.* Ĉeĥoslovakio kaj Germanio.

Gade gamelas o Devel i luma, hoj beske ĉaĉe ĉâves das, hoj savori, savi baĉen ando les, te na ĥasaiven, haven mindig o eregeŝo trajo t'avel le.

*Esperanto.*

Ĉar Dio tiel amis la mondon, ke li donis sian solenaskitan Filon, por ke ĉiu, kiu kredas pri li, ne pereu, sed havu eternan vivon.

### Voĉoj de l'pasinto kiel Spegulo de l'nuntempo

*El ĉio oni devas konkludi, ke la ŝtato ... estas nenio aparta, aŭ io ekzistanta, por si mem, sed ke ĝi estas nur la rimedo por pli alta celo, de la eterne samegale progresanta formiĝo de l'pura humaneco.*

*Fichte : Paroladoj al la Germana nacio 1808.*

*

*Nek la perforto de la brakoj, nek la supereco de la armiloj, sed nur la forto de l'sentimento gajnas la venkon.*

*

*Kiu inter ni estus tiom senĝena, ke li volus decidi, kio estas la ĝusta vojo? Tolero kreos estimon, persekuto nur malestimon por ili.*

*Frederiko II : Princa spegulo.*

*

*Bele estas ami sian patrolandon kaj fari ĉion por ĝi, sed pli bele estas tamen, multe pli bele, esti homo kaj respekti ĉion homaran pli alte ol la patriecan.*

*Lagarde.*

*

*Neniu idealisme pensanta homo malkonsentas pri tio, ke la spirito povas kaj devas venki la rason.*

*Lagarde.*

*

*La persisto, per kiu oni disdiras, ke la judoj estas la plej danĝeraj malamikoj de l'patrolando ... memorigas al mi la agon de viro, kiu volas montri sian kuraĝon je svarmo da muŝoj, ne kuraĝante ataki la rabbestojn lin ĉirkaŭantajn.*

*Bismarck : 1893.*

*

*Dum unu minuto da suverena leĝfarado, oni povas okazigi tiom da malbono kiom dum kvar jaroj.*

*Bismarck : 1871.*

*Ni bonaj eŭropanoj nenion scias pri naciaj diferencoj.*

*Nietzsche.*

# Foliumante novajn verkojn

**La tuta Esperanto,** gramatiko por progresintoj, gvidilo por kursestroj, de **Henrik Seppik;** eldonejo de Literatura Mondo, Budapest. Tiu lernolibro instruas la kursanojn paroli kaj alkutimi la lingvon, ĝi enkondukas ĉiun seriozan studanton en la detalojn de la Esperanta gramatiko, sen ke ĝi per tio fariĝu tro scienca aŭ tro seka. Esperantisto, kiu atente studis ĉi tiun libron, jam povas senmalhelpe transiri al la studado de la « Plena Gramatiko de Esperanto », verkita de K. Kalocsay kaj G. Waringhien. La libro de Seppik estas tiel flue elegante skribita, ke oni plezure ĝin legas kiel romanon. Ĝi ankaŭ povas servi kiel konstanta informilo en dubaj kazoj, ĉar per tre praktika indekso oni tuj trovas la deziritan klarigon. Entute bonega libro, kiu ornamu la skribotablon de ĉiu serioza Esperantisto.

**La blanka malsano,** triakta dramo en 14 bildoj, de **Karel Čapek,** el la ĉeĥa lingvo tradukis **Th. Kilian,** eldonita de Moraviaj Esperanto-Pioniroj en Olomouc. — Unu el la karakterizaj signoj de la postmilita homaro estas, ke ĝi forlasas tion, kion oni kelkloke preskaŭ malŝate nomas humaneco. En certaj landoj ne la homo, sed la klaso, ŝtato, popolo aŭ raso estas la portanto de ĉiuj rajtoj kaj de la unusola objekto de estimo. Nenio estas super ĝi, kio morale limigus ĝin en ĝiaj volo kaj rajtoj. La individuo kun sia libera spirito kaj konscienco estas fizike kaj morale nepre subigita al la tiel nomata kolektiva reĝimo, kiu esence tamen estas pure aŭtokratia kaj perforte altrudita. — Ĝuste tiu ĉi konflikto en sia tragika aktualeco instigis la aŭtoron skribi la « Blankan Malsanon ». La tuta dramo estas plena de vivo, kaj rapide, preskaŭ kalejdoskope, preterpasas la diversaj bildoj, tiel, ke la intereso de la leganto restas ĝis la lasta sceno. — La traduko estas bona. Kelkaj malglataĵoj estos facile forigeblaj en nova eldono. Ĉu la neologismo « darfi » vere ne estis evitinda?

---

**Vivo de Zamenhof,** de **Edmond Privat,** eldonis The Esperanto Publishing Co. Ltd., Heronsgate, Rickmansworth (Anglujo). Dua, ilustrita eldono de la fame konata libro. Prezo : bindita 3 ŝ 6 p; afranko 4 p; broŝurita 2 ŝ 6 p; afranko 3 p. Aĉetebla ĉe ĉiu Esperantista librovendejo. — Speciala rekomendo de ĉi tiu ĉirilate altvalora libro estus superflua.

**Arĝenta Duopo,** jubilea libro pri Julio Baghy kaj Kolomano Kalocsay, dua volumo, eldonis Literatura Mondo, Budapest. — La unua volumo, aperinta en printempo 1937, ĉefe priskribis la vivon kaj la laboradon de la du famaj jubileantoj, dum la nova volumo enhavas selekton el la verkoj de ambaŭ eminentuloj. Ĉiu Esperantisto ja konas, almenaŭ parte, la literaturajn perlojn de Baghy kaj Kalocsay kaj certe ankaŭ ĝoje havigos al si la duan volumon por kompletigi sian bibliotekon.

---

**Ilustrita Lernolibro de Esperanto** por praktika komenca kurso, de **Delfi Dalmaŭ, L. K.,** nova eldono. — Jes, certe, ree nova lernolibro, sed efektive tre utila kaj bonvena helpilo de ĉiu serioza instruisto. La « Instrukcio por la profesoro » bone klarigas la aplikon de tiu libro. Do, Esperantaj instruistoj, aĉetu la lernolibron, la prezo estas malalta : 1 ekzemplero kostas 1 angl. ŝilingon, 30 ekzempleroj kostas 1 L.

**Terminaro, hortikultura seslingva,** de Paul Neergaard, eldonis Sennacieca Asocio Tutmonda, Paris. — La unua parto, Esperanta Angla, estas aranĝita laŭ-teme kaj priskribas la fakojn de la hortikulturo kaj la procedojn de la diversaj laboroj en la ĝardeno. — En la dua parto de la libro troviĝas la fakvortoj de la hortikulturo (kial ne ĝardenkulturo ?), alfabete ordigitaj laŭ la lingvoj angla, dana, sveda, germana kaj franca. — La libro ŝajnas esti tre interesa por ĉiu ĝardenkulturisto, kiu samtempe « kulturas » Esperanton.

**Esperanto-Biblioteko** de la eldonejo J. Muusses en Purmerend (Nederlando). N-oj 14-15 **La problemo de lingvo internacia,** serio de radio-prelegoj, de D-ro Björn Collinder. — N-o 16 **Rozinjo,** el la hungara originalo de Gyula Török tradukis K. Kalocsay. — N-ro 17 **El la Londona Skizlibro de Charles Dickens,** el la angla lingvo tradukis Fred Wadham. — Paroli pri ĉiu aparta kajero de ĉi tiu konata kolekto ne necesas, ĉar la enhavo de ĉiu volumeto estas tre valora kaj la tuto tre varia. Serio de 10 kajeroj kostas en abono 2.50 ned. guld. Unuopa numero kostas 0.35 guld. aŭ 3 internaciajn respondkuponojn. Ĝis nun aperis 17 numerojn.

Berno, 28/5/38. J. Sd.

# Tra la Gazetaro

PER UNUIGITAJ FORTOJ

La 4-a numero de « Per Unuigitaj Fortoj », enhavis jenan atentindan artikolon : *Vi ne konvinkis min, samideano Guillaume.*

Ĉefdelegito de IEL por Francujo, vi certe estas serioza, inteligenta homo kaj fervora esperantisto. Pro tio mi tre atente legis vian artikolon en la pasinta numero, sed via argumentado nur mirigis min.

Vi estas por IEL, ĉar ĝi « publikigas ĉiusemajne informojn pri sia stato ». Ĉu por nia afero estas tiom gravaj *semajnaj* informoj? Kaj ĉu la semajnaj informoj estas merito de IEL, kiu simple deklaris oficiala organo de IEL semajnan gazeton, ekzistintan multajn jarojn antaŭ ĝia naskiĝo? Tiu gazeto ripete kaj insiste petis UEA pri tiu « honorigo » kaj estis preta en ĉiu numero publikigi informojn pri UEA. Por uzi la paĝojn de la gazeto por ĉiusemajnaj informoj « pri la stato » oni certe ne bezonis krei novan organizon.

IEL « havis dum la kongreso de Varsovio proksimume 10,000 membrojn. Tiu nombro kreskis ĝis 13,000 je la fino de 1937 ». Kara samideano, ĉu la 3,000 aldonaj membroj estas novaj esperantistoj, kreitaj de IEL aŭ ĉu ili almenaŭ estas varbitaj de IEL el esperantistoj, ĝis tiam neorganizitaj? Vi ja bone scias, ke temas nur pri membroj de naciaj societoj, de tiuj societoj aliĝintaj al IEL. Kie do estas la merito de IEL?

Vi estas por IEL, ĉar « ni, demokratuloj, opinias, ke oni devas sekvi la leĝon de la pli granda nombro ». Permesu al mi la iom malmodestan demandon : ĉu vi estas demokrato ĉar demokratoj estas la plejparto de viaj samlandanoj? kaj se la publika opinio en via lando ŝanĝiĝos kaj la plej proksimaj elektoj donos plimulton al la dekstraj partioj — kie vi restos?

« IEL havas delegitojn en ĉiuj landoj ». Ĉu estas via sincera opinio, ke la delegita reto estas merito de IEL kaj ke tiu reto senkulpigas perfidon al UEA?

Ĉu mi daŭrigu?

IEL organizas kongreson, « al kiu jam 1,000 personoj aliĝis ». Sed tio ja estas la trideka kongreso. Dudeknaŭ kongresoj estas okazintaj sen helpo de IEL — dudekok antaŭ ĝia naskiĝo. Kaj mi memorigas al vi kelkajn ciferojn. La kongreson de 1921 en Praha partoprenis 2,500, de 1924 en Vieno 3,400, de 1934 en Stockholmo 2,040, de 1935 en Romo 1,500. Do vi vidas, ke la aliĝoj al la 30-a kongreso ne povas esti konsiderataj kiel argumento por IEL.

« Fine ni estas tro junaj por diskuti pri la pasintaj malagrablaĵoj, kiuj okazis ĉe nia movado. Ni rigardu antaŭen ». Mi ne scias, ĉu vere vi estas tro juna. Sed kiujn malagrablaĵojn. kiuj ŝajne multe okupas vin, vi aludas? Ĉiuokaze la metodo ne rigardi malantaŭen estas vere rekomendinda. Eble ni proponu tiun ideon al la edukministroj, por ke ili forpelu el la lernejoj la instruon de historio, tiom laciganta kaj turmentanta niajn kompatindajn infanojn.

Vi volas « Ke Esperanto estu oficiala ĉie kaj ke oni lernigu ĝin en la lernejoj ». Estas bela kaj modesta programo. Mi tamen dubas, ke « la filioj de IEL : LEEN. BEA kaj SFPE » konsentos disvolviĝi je la momento, de vi indikita.

Nur unu el viaj argumentoj estas vere nerefutebla. IEL « posedas la plej bonajn organizantojn de nia movado ». Jes — efektive IEL sukcesis akiri gvidantojn, kiujn UEA tute ne konas : " Bastien, Goldsmith, Malmgreen, Couteaux, Petit, Paulsen, Kempeneers ktp. »

Okupas min ĉi tie la argumentoj, per kiuj oni varbas por IEL, kaj ne la problemo pri IEL mem. Sed eble la argumentoj karakterizas la organizon.

D-ro V., Germanujo.

## Lingvaj Studoj

### German'

D-ro Zamenhof elektis kiel radikon *german'* certe pli internacia ol aliaj radikoj por la sama popolnomo. Sed tio kreas konfuzon, kiam oni parolas pri la antikvaj *Germanoj* de Tacito. *Ĉiuj (nuntempaj) germanoj estas germanoj, sed ne ĉiuj germanoj estas germanoj.* Tiu ĉi frazo ne havas sencon. Sed france aŭ germane ĝi tuj klariĝas : Tous les Allemands sont des Germains mais pas tous les Germains sont des Allemands : Alle Deutschen sind Germanen, aber nicht alle Germanen sind Deutsche.

La esploro de tiu ĉi detaleto en la listo de la popolnomoj kondukas al interesaj konstatoj. *German'* estas kolektiva nomo. Ne ekzistis tribo aŭ gento kun tiu ĉi nomo, donita de la romanoj kaj grekoj al aro da gentoj pli malpli parencaj en difinitaj landoj.

Kutime popolo havas du nomojn : Tiun kiun ĝi mem donis al si, kaj tiun kiun donis al ĝi la najbaroj. Escepte la germanoj. Plejofte la nomo donita de la najbaroj estas alkonformiĝo de la fremda nomo al la propra lingvo.

Tiel ni vidas, ke la germanoj nomiĝas ĉe siaj najbaroj ne laŭ la kolektiva nomo, sed laŭ la gento iam najbara : *Alemanoj*, por francoj, hispanoj k. a. — *Germanoj* (por angloj grekoj, k.a., dume la slavoj inventis propran nomon kies radiko estas *njemec* kaj similforme. La saman radikon uzas la hungaroj (német). Kaj finnoj diras « saksoj » por germanoj.

La nuntempaj germanoj sin nomas mem *Deutsche*. Tio ankaŭ estas kolektiva nomo, kaj ne de iu tribo. Ĝi devenas de la gota vorto *thiudisko*, de thiuda, kio signifas *popola* aŭ popoleca. Tiu ĉi radiko eniris plurajn lingvojn, skandinavajn, nederlandan kaj tre strange en la italan (tedesco) Ĝi estis uzita en opozicio al la kleruloj uzantaj latinan lingvon kaj ĝi respondas idee al la vorto *laiko*. Mallonge : tiuj kiuj ne scias paroli latine, la popolano. La vortoj Deutsch, Deutschland estas ekuzitaj nur en la 12-13a jarcento.

Ni do havas unu radikon por du tute malsamaj aferoj. Kiel eviti konfuzon? Foje iu proponis ke la antikvan kolektivon *german'* ni transskribu en Esperanto per *ĝerman'*, Nekontentiga solvo. Oni devas vidi kiel ekzemple la angla lingvo procedas en tiu ĉi kazo. Tiel ni povus uzi en Esperanto :

*Germanio,* la Germania laŭ Tacito.

*Germaniano*, ano de tribo, loĝinta en Germanio.

*Germania*, ĉio rilate al scienco pri germaniaj triboj malnovaj kaj nunaj.

Kaj tiam la radiko *german'* restus por la nuntempaj germanoj (Deutsche), Germanujo la regno loĝata de ili. Germanparolantaj popoloj, politike sendependaj, aŭ anoj de aliaj ŝtatoj estas germanianoj, sed ne germanoj. Tio rilatas al alsacanoj, svisoj germanlingvaj, luksemburganoj; aliaj *germaniaj* popoloj estas ekzemple frisoj, flandranoj, nederlandanoj k. t. p.

## Neologismoj — Novaj vortoj

Fidela leganto kaj membro sendas al ni jenan leteron, kiun ni konigas tie ĉi :

Mi devas denove reveni al miaj admonoj kaj kritikoj. En la n-ro de V. 15 de « Esperanto » mi legas, pri « La Strato de fiŝanta Kato », ke « la traduko estas senriproĉa »!! Atentu, ke aljuĝante tiel absolutajn laŭdojn al verko tia, vi pravigas la neologismoamantojn, kaj senkuraĝigas la sennombrajn esperantistojn, kiuj, lerninte la Zamenhofan esperanton, ne kapablas kompreni la hodiaŭajn fuŝaĵojn! Jen estas kelkaj (relative tre malmultaj) rimarkoj pri tiu verko :

P. 18 l. 29 Barabás tiam *morne* skuis..,

P. 19 l. 24 Bardihinov *morniĝas..*,

P. 20 l. 19 ...dum iu *morna*, malfeliĉa nokto
(obsedo pri « morna » !)

P. 28 l. 26 Grupo da *girloj* (???)

P. 33 l. 10 ...ke ŝi estas fremdulo (fremdulino)

P. 36 l. 24 Jani venis kun la invito hejmen, ke la patrino vizitu foje la onjon instruistinon (anstataŭ : ...venis hejmen kun la invito...)

P. 39 l. 12 ili ne plu pagos eĉ unu *suon* (!!!!!)

P. 39 l. 27 Ĝenerale la pli reala, pli *oportuna* el ili (oportunisto)

P. 40 l. 19 ..,(ĉi tiu fremda ŝtato) ... *ŝtopu en ilin* la monon (!?)

P. 124 l. 3 ..,ne plu kuraĝas *porti* Cathrinan malsupren

P. 151 l. 24 ...ke li mem *portis* Piŝtan al la domo,

P. 109 l. 24 Piŝta *portos* ilin (tutan familion!) al la Montmartre.
(almenaŭ dudek fojojn mi renkontis tiun strangan uzon de la verbo porti)

P. 130 l. 6 Piŝta estas *senpeza* (= frivola!!!)

P. 165 l. 22 Tie interrompiĝas la *spuro* (??)

P. 169 l. 23 mi havis teruran *lampofebron*

P. 170 l. 2 Sen *lampofebro*
(germanismo)

kaj multaj aliaj!

Kaj via recenzisto nomas tion « senriproĉa »!

Sed en la propraj linioj de «Esperanto» kuŝas ankaŭ tiaj fuŝaĵoj : (ekz. : *inkludita* ( !) N° 463 p 34 (2), 1-a kol. 9-a linio).

Ni traktu la lingvon kun pli da respekto!

C. R.

Ni represas la leteron sen komentario. En unu el la venontaj numeroj ni revenos je tiu ĉi neniam kontentige solvebla problemo de la novaj vortoj.

Redakcio de ESPERANTO.

## Niaj Mortintoj

*Kun bedaŭro ni sciiĝis pri la forpaso de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas esprimon de nia kora simpatio.*

*S-ro Marko Nešiĉ,* la sudslava. Esperanto-bardo jam ne plu estas inter ni. Malaperis per li bela figuro el nia rondo familia. Estis en Maribor en jaro 1926 kiam mi konatiĝis kun li en modesta kafejo meze de esp. kaj alia publiko, al kiu li kantis, akompanante sin per sia Guzla. Ne plu ni aŭdos lian « mi trinkas ruĝan vinon, kaj kisas belulinon » nek « plena kor je ĉiu hor', Salut' al vi'.

Je la 29a de Aprilo 1938 li forpasis, 65 jaraĝa. Ne plu li ĝisvivis la jugoslavan E-kongreson, kiu okazis dum pentekosto. La enterigon partoprenis kelkcentoj da personoj kaj sennombraj estis la floroj, ambaŭ atestantaj pri la ŝato kaj amo kiun li akiris en sia urbo. Dum la Jugoslava kongreso okazis ceremonio ĉe lia tombo kun depono de floroj kaj krono. Parolis kelkaj samideanoj kaj fine eksonis lia komponaĵo :

Salut' al vi.

H. J.

*D-ro Eduard Spielmann*, Bern. 3a de Junio 1938 68 jaraĝa. Surprize ni ricevis la informon pri la forpaso de tiu ci fervora kaj nelacigebla laboranto por nia movado. Li speciale klopodis por la venonta kongreso en Svislando, sed la sorto ne volis ke li ĝisvivu tiu ĉi momenton. Ĉe la enterigo ĉeestis anoj de la Berna E Societo kaj parolis en Esperanto S-ro Rotach. eks-prezidanto de la Svisa Societo.

## Bulgara Kongreso

La 25-a Jubilea kongreso de la Bulgara Esperantista Asocio okazos en la pitoreska urbo Sevlievo, la 16-18 Julio.

Sevlievo, situanta proksime de la fama kaj legenda montaro Balkano, estas facile atingebla per aŭtomobilo ĉar tra ĝi pasas la grava malnova ŝoseo de Sofia al Ruse kaj Varna, konstante kaj tuttage veturantaj aŭtobusoj ligas Sevlievon al la proksimaj fervojstacioj.

La Sevlievanoj estas gastamaj kaj servemaj — tion montris ili dum la pasintjara turista kongreso.

La vivo en Bulgarujo, kaj speciale en Sevlievo, estas tre malmultekosta — por francoj, germanoj, belgoj k. a. *ridinde malmultekosta.*

Post la kongreso oni aranĝos ekskursojn en la pitoreska Balkano.

Zorge aranĝota *esperanta ekspozicio.* Helpu nin, gesamideanoj el tuta la mondo, por ĝia aranĝo, sendante al ni librojn, gazetojn, ilustritajn poŝtkartojn, fotojn el via esperantista vivo k. a. materialojn por ke ni brave kaj fiere flirtigu la verdan standardon.

Informojn kaj ilustritajn gvidfoliojn pri Sevlievo petu senpage ĉe la delegito de U.E.A., S-ro Simeon St. Hesapĉiev, gimnazia profesoro, Sevlievo, Bulgarujo.

## Prospektojn

S-ro René *Hug*, Gare, Frouard. M-et-M, Francujo, deziras ricevi esp. turistajn gvidlibrojn, gazetspecimenojn, varbilojn, esp. komercajn reklamilojn, ktp.

## Korespondado

*Nestomitz* (Ĉeĥoslovakio) —
S-ro Franz Böhm, Mörkauerstr. 268, PI; bfl. afr., gazetoj, k.ĉ.l. — Certe respondos.

## Korespondado

*Frouard* (Francujo —M-et-M)

S-ino *Nicot*, Ecole de Garçons — Hôtel-de-Ville Koresp. L. PK. kun geinstruistoj el ĉiuj landoj.

F-ino H. Schreiber, Baĉka Palanka, Jugoslavio, dez. korespondadi kun gesamideanoj ĉiulandaj per PI, ĉefe ekstereŭropaj certe respondos.

## Islando Vokas Vin

La gekursanoj de esp. deziras korespondi kun ĉiulandaj gesamideadoj. Tin turni al la kursgvidanto : S ro Krestanov en *Reykjavik*, Islando.

### Muziko kaj literaturo

F-ino Thorey Thorleifs dóttir, P. O. Box 495, Bókhlödustigur 2. Rejkjavik, Islando, dez. koresp pri muziko kaj literaturo.

### Pedagogio kaj sociologio

S-ro Helgi Hannesson, instruisto, Urdarvej 6, Isafjordo (Islando), dez. kor. kun kolegoj pri pedagogio kaj sociologio.



Fondinto : H. Hodler, † 1920
Redakcio : Genève.
Red.: Provizora Komitato de U E A
Presis : Granchamp, Imprimerie, Annemasse, (Haute-Savoie
Dato : 15/30 Junio 1938